BULTENO
de la Internacia Federacio Esperantista Fervojista
IFEF
Sekretariejo: Orteliusstraat 108/III, Amsterdam, Nederlando
Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam,
8a jaro no. 5
JUNIO 1956.

## LA KONGRESO DECIDIS ....

Jam de pluraj jaroj ni kutimas presigi en *Bulteno* la raportojn de la kongreskunsidoj, por ke ĉiu estraro kaj ĉiu membro estu bone informita pri la aktivecoj de nia organizo kaj pri la laboro farenda. Krom tio la delegitoj havas la taskon raporti pri la kongreso en la landaj kunvenoj kaj atentigi pri la kongresdecidoj kaj pri la deziroj esprimitaj en la kongreso.

La plej elementaj reguloj de la organiza vivo postulas ke laŭ tiuj informoj la landaj estraroj zorgu por la plenumado de tiuj decidoj aŭ deziroj kies efektivigo ne estas la tasko de la IFEF estraro. Ŝajnas tamen, ke oni ne ĉiam atentas tiujn regulojn.

En la laborkunsidoj la franca delegito sciigis ke la francoj ne sendis kongresproponojn, ĉar ili unualoke atendas la plenumadon de la decidoj prenitaj en la pasintjara kongreso. En tiu kongreso F-ino Lemonnier petis al la delegitoj kunlaboron por la ekspozicio de infandesegnoj pri fervojaj temoj. Ĝis nun ŝi ricevis nur tre malmultajn desegnojn kaj fiasko minacas la ekspozicion. Al ŝia demando, kion la estraroj faris por havigi al ŝi la necesajn desegnojn, neniu el la delegitoj respondis.

Por eviti samajn embarasojn ni atentigas ĉi-sube pri la plej gravaj decidoj kiuj rilatas ĉefe la landajn estrarojn.

1. Baldaŭ ni sendos la novan kongresregularon al ĉiuj niaj anoj. Se ĉiuj estraroj agas laŭ ĝiaj reguloj ni finfine povos bari la vojon al parasitoj kiuj misuzas niajn kongresojn por malmultekosta privata libertempo.

2. La kongresregularon enhavas novajn regulojn por la fakprelegoj. La landaj asocioj proponas temojn; la rektorato definitive elektas kaj anoncas la elektitan temon plej baldaŭ en *Bulteno*.
Antaŭ la 1-a de decembro la landaj organizoj sendu la raportojn (4 ekzemplerojn ) al la rektorato ( adreso redaktoro ). La rektorato

verkas referaton, elektas kompetentulon por la prelego kaj gvidas la diskutojn post la prelego.
Espereble per tiu aranĝo ni sukcesos forigi kelkajn mankojn de la fakprelegoj.

3. Por la terminara komitato ni fine trovis ĝeneralan gvidanton.; la juna kolego G.Ritterspach, Oberdorfstr. Poŝtfak 20 Bammental, Germ. Jam antaŭe S-ro Ritterspach transprenis la taskon de S-ro Simon kiu bedaŭrinde devis rezigni pri la terminaraj laboroj.
La komitatanoj estontece interrilatu kun S-ro Ritterspach pri eventualaj problemoj.

4. Pri la infanrenkontiĝojn S-ro Giessner esploros la eblojn. Antaŭ la 15-a de julio li sendas raportojn kun sugestoj al la landaj asocioj. La sekretarioj baldaŭeble respondu al liaj demandoj.

5. La kongreso prokrastis diskutojn pri la vojaĝanta ekspozicio ĝis kiam ĉeestos la iniciatinto kaj gvidanto S-ro de Bruyne.

6. Okaze dela 41-a UEA kongreso niaj danaj amikoj aranĝas fervojistan kunvenon en Kopenhago. En tiu kunveno la partoprenantoj esploros la eblon por trovi taŭgajn anstataŭantojn por la nuna IFEF estraro, kiu deziras eksiĝi post la 10-a kongreso en Aarhus.

7. En la nomo de la IFEF estraro nia skretario petis al ĉiuj landaj estraroj kompili liston, menciantan la rezultatojn de ilia aktiveco ĉe fervojaj instancoj.
Por ke IFEF nerefuteble povu pruvi la motivon de sia ekzistado, estas necese, ke ni disponu pri registro enhavanta ĉiujn prosperojn kiujn ĝuis Esperanto kaj ĉiujn favorojn, kiujn gajnis la fervojistaj esp. grupoj, sekve de niaj rilatoj kun la fervojaj administracioj.
En ĉi tiuj listoj oni menciu inter aliaj, jenaj aferoj:
senkosta uzado de lerneja ĉambro por la instruado de Esperanto,
subvencioj por kursgvidantoj,
materiaj kaj moralaj subtenoj ĉe la organizado de niaj kongresoj,
ekstraj senpagaj biletoj por la vizito al ĝeneralaj kunvenoj,
la permeso porti nian insignon aŭ distingaĵon sur la uniformo,
ŝildoj aŭ esp. surskriboj en stacidomoj,
la rajto pendigi alvokon por esp. kurso en deĵoraj ĉambroj,
eldono de faldfolioj sekve de la instigoj de la fervojista movado,
esperanto-tek̂sto en horaroj ktp.,
ĉiuj aliaj sukcesoj kaj favoroj.

La landaj estraroj sendu la kompletan liston antaŭ la 1-a de decembro al la IFEF sekretario.

Fine ni petas al la landaj estraroj plenumi la promeson al Fr-ino Lemonnier kaj, ĉu per anoncoj en siaj bultenoj ĉu per atentigoj en fakaj gazetoj, havigi al ŝi la bezonatajn infandesegnojn pri fervojaj temoj. Ni kune havas la devon zorgi ke ne fiaskas la aranĝoj por kiu iu fervojista rondo prenis la initiativon.

Decas, en la fino de ĉi tiu iom rigora alvoko, kore danki al la organiz-

intoj de la stokholma kongreso pro la bonega aranĝo de tiu evenemento. Neniu plendo pri hoteloj aŭdiĝis; plej bonaj lokoj estis disponeblaj por la manĝoj; la civitana domo estis ideala hejmo por la kongreskunsidoj, kun vasta loko por la ekspozicio, vendotabloj kaj la poŝtoficejo. Reprezentantoj de la Ministro, dela Supera Fervoja Direktoro, de la Urbo Stockholm, de la Aŭstra Fervojo, de la Nederlanda Transportentrepreno van Gend en Loos, de la Fervojistaj Sindikatoj en Svedio, de UEA SAT kaj KELI vere solenigis la Solenan Malfermon per siaj instigaj simpatiesprimoj al nia movado. Sinjoro Malmgren, la prezidanto de UEA, mem reprezentis sian organizon kaj promesis al ni ĝian plej fortan moralan subtenon.
La interfratiĝan vesperon en la bela salonego de Vintra Palaco agrabligis bona muziko, kiu invitis dancemulojn ĉirkaŭbraki belulinon por kune ŝvebi en pli altajn regionojn.
Ĉiuj programeroj de la amuza vespero estis mirinde belaj.
Ege kontentaj estis la virinoj pro la multaj brilaj ekskursoj, aranĝitaj speciale por ili.
Koncize dirite: la malmultaj amikoj kiuj penadis sub la gvido de Hjalmar Olsson por sukcesigi nian 8an kongreson, meritas la koran dankon de ĉiuj partoprenintoj. Amikoj akceptu ankaŭ nian sinceran dankon.
Ĝis revido en Rijeka!!!

La IFEF-estraro.

## ADRESŜANĜOJ

La adreso de S-ro J. Giessner : Haŭptbahnhof 6, Braunschweig, Germanio.

La nova deĵoradreso de S-ro Simon el Kaiserslautern estas:
Bundesbahn-Ausbesserungswerk Limburg (Lahn).

La adreso de la gvidanto de la Terminara Komitato estas:
Gernot Ritterspach.Oberdorfstrasse-Poŝtfak 20, Bammental ĉe Heidelberg Germanio.

La sekretario de la Norvega Esperantista Fervojista Asocio transloĝis al Odd Kolbrek, Kalbakkstubben 22/IIII, Øvre Grorud, Norvegio.

## RAPORTO PRI LA SOLENA MALFERMO DE LA KONGRESO

Dimanĉon la 13an de majo, precize je la 20a horo, la orkestro de la stokholma fervojistaro aŭdigis la unuajn sonojn en la tutplena, feste ornamita salono de la Civitana Domo.
Post tio, la prezidanto de L.K.K., kolego Hjalmar Olsson tutkore bonvenigis la ĉeestantojn, speciale la reprezentanton de la Sveda Trafika Ministro kaj la reprezentantojn de fervojaj Direkcioj, fervojaj sindikatoj, U.E.A., SAT, Kristana Esp-organizo kaj la ĉefestraron de IFEF.
Li rememoras nian grandan pioniron Ernest Erikson, kiu dum sia tuta vivo batalis por nia idealo kaj forte apogis la fervojistan esperantan

organizon. La kongreso honoras lin per kelkminuta silento.
La Sveda Fervojo festas sian jubileon. Estas ĝojo, ke samtempe okazas nia kongreso. La Direkcio donis gravan monan subtenon, same kiel la Sveda Fervojista Sindikato. Tio estu por ni stimulo daŭrigi la laboron por Esperanto ĝis kiam la lingvobaroj estos for.
Li deziras al la ĉeestantoj agrablajn tagojn kaj bonan kongreson, kaj li dankas por la veno.

Sinjoro Einar Dahl, parlementano, delegito de la Sveda Komunika Ministro kore bonvenigis la ĉeestantojn, precipe la eksterlandanojn.
La ministro studis iam Esperanton, kaj do komprenas ĝian praktikan valoron. Li opinias, ke ĝuste en la nuna tempo, en kiu estas multe da timo por la estonto, ni urĝe bezonas tiun pacan rimedon por interkompreniĝi inter la popoloj.
S-ro superdirektoro Edv. Oredsson, delegito de la Direkcio de la Svedaj Ŝtatfervojoj, bonvenigis la eksterlandanojn nome de la Svedaj Fervojoj, en la lando, kiu ĵus liberiĝis de neĝo kaj glacio.
Li ĝojas, ke fervojistoj ĉeestas el malproksimaj landoj. Multaj svedaj fervojistoj vojaĝas al eksterlando por studo. Montriĝis ke por tiu celo esperanto estas tre taŭga. Li gratulas la malgrandan rondon, kiu sukcesis organizi tiom bonan kongreson.
La delegito de la urbestraro de Stokholmo, s-ro Gosta Wenstrom urba konsilisto, tutkore bonvenigas la kongresanojn.
El ĉiuj landoj fervojistoj renkontas regule unuj la aliajn. Via lingvo estas la ponto por interkompreniĝo. Konstrui pontojn estas malfacile, sed vi sukcesis plene.
La delegito de la Ĝenerala Direkcio de la Austria Federacia Fervojaro, s-ro Kortega Konsilisto Hugo Steiner, kun granda ĝojo renkontas tiom da gekolegoj, kaj transdonas nome de la Direktoro de la Austria Fervojo multajn salutojn. La Direkcio montras sian favoron sendante reprezentanton. La parolanto instigas la ĉeestantojn viziti la ferian semajnon en septembro en Vieno, kiu estas subtenata de la Austra Fervoja Direkcio.
La delegito de la Transportentrepreno *Van Gend en Loos* en Nederlando, s-ro J.Labordus, salutas en la nome de la Direkcio, kaj transdonas la koran dankon por la invito. La Direkcio, kiu transportas varojn al multaj landoj, treege ĝojus se ĝi povus korespondi en Esperanto. Li deziras bonan kongreson.
La prezidanto de la Sveda Fervojista Sindikato, s-ro H.Blomgren, tutkore plenumas la karan devon saluti en la nomo de la svedaj sindikatanoj. En Svedio ni ĝuas dum longa tempo la pacon. Ni transportas varojn en la tuta mondo. La Sindikato konas la gravecon de internacia kontakto. Per Esperanto ni povos atingi novajn perspektivojn por la mondo. Li deziras al Esperanto plenan prosperon.
La delegito de la Asocio de Estraranoj ĉe la Sveda Fervojaro, s-ro Gosta Bramlind, konstatis ke fervojistoj multe vojaĝas por renkonti kolegojn en diversaj landoj. Internacia lingvo kiel interkomprenilo estas nepre necesa.
La delegito de la Asocio de la Oficpersonaro ĉe la Sveda Fervojo,

s-ro Hilding Lindsen, diras ke interkontakto ĉe la fervojoj estas necesa. Por tio Esperanto estas la rimedo. Li deziras, ke la kongreso bone sukcesu, ĉar la organizo admiras la esperantan movadon.
Vi povas rekte rilati kun kolegoj en kiu ajn lando
Vi povas esti certa pri nia subteno.

S-ro Sekeres, delegito de la Jugoslava Kultura Organizo deziras nome de la organizo plenan sukceson.

La prezidanto de U.E.A., s-ro Ernfrid Malmgren el Stokholmo diras ke U.E.A. klare vidas la gravecon de la kongreso, kaj tial petas daŭrigi por propagando Svedlingve.
Viaj kongresoj pruvas, ke Esperanto estas taŭga rimedo por praktika uzado, ankaŭ sur faka tereno. Senrezerve li montras sian simpation al nia movado. Kun respekto li salutas la unuan fakorganizon, kaj li ĝojas, ke ĝi tiom bone progresas. Ĝi faras unikan pioniran laboron.
En la nomo de U.E.A. li promeseas pli fortan subtenon.

La delegito de SAT, s-ro Justa Boberg el Stokholmo salutas la kongreson, kaj diras ke la mondo bezonas Esperanton, ĉar ĝi espereble povas solvi multajn problemojn. La horizonto estas nuba; eĉ post du mondmilitoj regas denove sfero de malpaco. Esperanto estas la rimedo, kiu povos konduki al paco. Li deziras plenan sukceson al la kongreso.

La delegitino de K.E.L.I., s-ino Anna, Alamo-Sandgren el Nerastad en sprita maniero rakontas pri la spertoj akiritaj per Esperanto.
Ŝi deziras al la kongreso plenan sukceso.

S-ro Giessner salutas la kongreson en la nomo de la Germana Sociala Organizo, la Sindikato, kaj la kolegoj el la orienta zono.
Li sciigas, ke en ĉi tiu somero la hortabelo de la Germana Fervojo havos du pliajn paĝojn kun Esperanta teksto, kiu sendube estas bona propagando por Esperanto.

Poste salutas en la nomo de la landaj fervojistaj esperantistoj:
por Austrio kolego Walter Ulrich, por Danio kolego Brendstrup, por Finlando kolego Ruhanainen, por Francio f-ino Lemonnier, por Germanio kolego Giessner, por Hispanio kolego Saladrigus, por Italio lolego Gemeli por Jugoslavio f-ino Milisavlevie, por Nederlando kolego Hogendijk, por Saarlando kolego Hoh, por Svedio kolego Hjalmar Olsson kaj por Svisio kolego Sandmeier.

S-ro Mollion, prezidanto de FISAIC pro malfrua alveno salutis en la amuza vespero nome de la organizo, kiu kun plena interesiĝo sekvas nian laboron. Li persone restas forte subtenanta nian movadon.

La prezidanto de IFEF, kolego W.Stapel, tutkore bonvenigas la ĉeestantojn en la bela salono de la bela urbo en la bela lando.
Li dankas la reprezentantojn por la simpatio, kiu esprimiĝis en iliaj salutvortoj, kaj certigas ke IFEF nelacigeble daŭrigas sian taskon, disvastigi Esperanton inter fervojistoj, kaj montri ĝian grandan valoron al plej altaj fervojaj instancoj.
La kompilado de fervoja terminaro jam bone progresas. Specialan dankon pro tio meritas nia franca amiko Blondeau.
Li dankas al L.K.K., kiu tiom streĉe laboris por la organizado de

ĉitiu kongreso. Bedaŭrinde nia karmemora Ernest Erikson ne ĝisvivis la kongreson de la fervojistaj amikoj en lia urbo.

Al la kongresanoj el 15 landoj li deziras agrablajn tagojn inter la kolegoj, kaj post kelkaj instigaj vortoj li deklaras la kongreson malfermita.

Protokolis: E.Drijfhout.

## KUNSIDO DE LA TERMINARA KOMITATO

Unuanime la komitatanoj elektas la estraranon De Jong por gvidi ĉitiun kunsidon.

De Jong diras ke nun ni venis al la plej tikla punkto de la kongreso. Unue li memorigas la iron de la afero. Jam en Salzburg ni decidis eldoni fervojan terminaron. Granda sukceso estis la franca traduko de la Fervoj-Teknika Leksikono. Simon, Germanio laŭdis ege la laboron de Blondeau, daŭrigis la laboron en Germanio, sed pro deĵorkialoj devis eksiĝi el la komitato. Ni ne havas gvidanton kaj montriĝas ke tio ne estas bona. Christoffersen en Danio tradukis 3000 vortojn, sed skribis ke por sukcesi urĝe necesa estas gvidanto.

En Nederlando Labordus transprenis la taskon, kaj faris gravan laboron. Sed pro manko de tempo la laboro ankoraŭ ne estas preta.
Nun ni aŭdu la raportojn de la diversaj landaj komitatanoj.

Li invitis por raporti Blondeau.
Blondeau: La laboro en Francio fakte estas farita. Li sendis la tradukon al diversaj akademianoj, sed ĝis nun ne ricevis respondon.
Li preferas antaŭe aŭdi la aliajn.

Labordus, Nederlando heredis la laboron de la antaŭa landa gvidanto kaj denove komencis. La respekto por Blondeau kreskis kaj kreskadis laŭ la iro de la laboro. Unue li komencis per la terminaro de Roŝer.
Hogendijk, kiu jam pretigis parton, nun finis la laboron, do tiu laboro estas preta.

La Fervoj-Teknika Terminaro de Blondeau cirkulis inter la kunlaborantoj por traduki kaj kontroli.

Drijfhout jam estas preta rilate la tradukon. Post la kontrolo kaj korektado la laboro estos preta. Ni ne jam povas montri konkretan rezultaton, sed ni faris grandan laboron.

Ni havas diversajn demandojn, sed prokrastas tiujn ĝis ni havos gvidanton. Kolego De Jong laŭdas la laboron faritan en Nederlando, speciale de Labordus, Hogendijk kaj Drijfhout.

Ke la tasko ne estas preta, ne estas grave; nur ke oni laboras estas grave. Tiam certe ni vidos la konkretan rezultaton en la sekvonta jaro.

Ritterspach, Germanio bedaŭras ke Simon ne plu povas okupi sin pri la laboro de la terminaro. Sed li ricevis alian postenon ĉe la Germana Fervojo, kaj nun sidas ĝis la oreloj en faklaboro.
Simon sendis al li la pretan tradukon de la franca eldono en la germana lingvo. Nun li okupas sin pri aranĝo laŭ alfabeta ordo; kontrolis

la tradukon kaj trovis kelkajn erarojn.
En septembro la laboro estos preta.
Ritterspach opinias ke la franca fervojeldono estos tro ampleksa. Li rekomendas konservi nur la plej gravajn terminojn. Li priskribis sistemon kun ciferoj. Li esperas kontaktiĝi kun aliaj komitatanoj pri tiu sistemo.
Kolego De Jong esprimas kontentecon pri la laboro en Germanio kaj konstats ke oni havis taŭgan anstataŭanton por sinjoro Simon.
R jam faris multan laboron, kaj ni estas tre dankaj pro tio, sed denove montriĝis ke ni urĝe bezonas ĝeneralan gvidanton, por ke ne ĉiu komitatano sanĝu kaj korektu laŭ propra gusto.
La esperantaj terminoj enlistigitaj laŭ alfabeta ordo estu la bazo de la terminaro.
Blondeau: La rolo de IFEF estas peti la bezonaĵojn de aliaj. Ankaŭ ni devas pripensi la monaferon kaj klopodi akiri la monon de la fervojoj. Francio jam mendis 100 ekzemplerojn. Ĉiu lando antaŭmendu kvanton.
Pri tio aperu artikolo en Bulteno. Laŭ la mendoj ni kalkulu la prezon de unu ekzemplero, kaj povos anonci proksimuman prezon.
IFEF garantiu la monon por la Esperanto-eldono. La ekzempleroj ne tuj vendeblaj estu la posedo de IFEF.
Ritterspach, Germanio subtenas la proponon de Blondeau.
Torsted, Danio: Christoffersen sola tradukis el la franca eldono 3000 terminojn. Tamen li rimarkis ke aldono de kelkaj terminoj estas necesa, ĉar en la landoj, kie vintre regas malalta temperaturo, estas iloj, kiujn oni ne uzas en pli varmaj landoj. Sed ankaŭ en Danio ni sentas la mankon de gvidanto. Li rekomendas Blondeau.
Li proponas prokrasti la aferon ĝis la sekvonta kongreso.
De Jong: unue ni bezonas nur sufiĉe grandan nombron da terminoj.
Pri la traduko de tre specialaj iloj ni cerbumu poste.
El artikolo en Dana gazeto montriĝas klare, ke oni ne povas trovi ĉiujn vortojn en kiu ajn vortaro.
Ortegren, Svedio devas konfesi ke oni en Svedio ne multe faris. Li tradukis, sed nur kelkcentojn da terminoj. Mankas al li sperto, kaj pro la laboro por la organizo de la kongreso li bezonis ĉiun liberan horon.

Punkto 2.
Germanio proponas ke oni elektu gvidanton por ĉiu fako.
De Jong: Tio ne estas ebla, ĉar ni ne disponas pri tiom da kunlaborantoj. Ni urĝe bezonas ĝeneralan gvidanton. Blondeau neniam estas elektita, sed fakte li gvidis dum la lastaj jaroj. Ni nun nepre devas elekti. Li proponas ke Ritterspach akceptu la taskon de ĝenerala gvidanto. S-ro Ritterspach hezitas preni sur sin la taskon, sed vidas la neceson, kaj pro tio li akceptas. Aplaŭde la komitato konsentas.
De Jong: Finfine ni trovis gvidanton, kaj ni ne timu, ĉar certe ni kaptis la ĝustan personon.
Blondeau salutas la novan gvidanton kaj ĝojas pro la elekto.
Pri la dana propono aldoni specialajn terminojn li estas kontraŭ. Nur

la terminojn el la leksikono ni bezonas. Ankaŭ en la terminaro de Rôser ni trovis bonan materialon. Se oni trovas en la franca traduko vortojn ne taŭgajn, forigu ilin. Neniam tuŝu la politikan aferon. Por teknikaĵoj ne ĉiam eblas solvo. Ni nepre ŝparu la fortojn de kompetentuloj. IFEF skribu pri la terminaro al U.E.A. Solvi ĉiujn problemojn ne eblas. Ankaŭ nia majstro D-ro Zamenhof ne povis tion. Por la terminaro la fin-decido estas al U.E.A. kaj Akademio. Malfacile estas ke oni ne plene akceptis la suplementon de Plena Vortaro.

Ritterspach jam skribis al s-ro Isbrucker pri la terminaro.
De Jong sciigas ke li ricevis leteron el Budapest, kiu temas pri tie aperinta terminaro kun 30.000 fervojesprimoj. La kompilinto volonte kunlaboras kun nia Komitato. Li donas la tereron al Ritterspach, por ke tiu povu kontakti kun la kompilinto de tiu terminaro.

La sekvanta punkto temas pri sugestoj pri novaj taskoj.
De Jong, konsiderante la nunan staton de la laboro, proponas ne pri-trakti ĉi tiun punkton. Provizore ni ne akceptu novajn taskojn.
Ni trankvile laboru ĝis kiam la tasko, kiun ni havas, estas preta.

Por ekscii ĉu la suplemento de Plena Vortaro estos akceptata, la sekretario de IFEF skribu oficiale al U.E.A. Tiu jam promesis pli fortan apogon. Lok sendu la respondon al Ritterspach.

Kiam ni decidis kompili terminaron, ni jam sciis ke la tasko estas ampleksa, kaj bezonas multe da tempo. Jaro ne ludas rolon, nur ke ni finu la taskon.

Ritterspach volonte volas kontakti kun kunlaborantoj en diversaj landoj.

De Jong dankas ĉiujn, kiuj en la pasinta jaro faris tiom gravan laboron. Ili estas la ekzemplo por la aliaj. Ni devas atingi la plenan rezultaton. Faru kaj finu la taskon en diversaj landoj. La laboro estas laciga kaj temporaba, sed baldaŭ ni povos fieri pri plena sukceso. Eble en Jugoslavio ni montros bonajn rezultatojn. Li havas la certecon ke ni povos fini kun plena sukceso la laboron. Al la komitatanoj li deziras laboremon kaj entuziasmon en la malfacila entrepreno.

Ĝis la sekvonta jaro!

Raportis: Drijfhout.

## PRI LA SALAJROSISTEMO EN ĈEĤOSLOVAKIO

La ĝenerala tendenco de la salajrosistemo bazas sur la devizo de socialismo: Rekompencon laŭ merito. Oni ellaboris por laborspecoj sistemon, kies ĉefaj indikiloj estas - produktiveco kaj graveco laŭ la vidpunkto de la tutŝtata, socialista ekonomio. Oni diferencigas do laborojn en du ĉefaj grupoj, nome la t.n. produktivajn, t.e. laboroj kreantaj ekonomiajn valoraĵojn, kaj laborojn neproduktivajn, kiuj - kvankam necesaj - ne alportas efikon por la plialtigo de la popola vivnivelo; kontraŭe ili tro ŝarĝas la efikon de la produktiveco.
Pro tio ankaŭ estas salajre preferataj la laboroj produktivaj, por ke ili estu pli allogaj.

Ĉe la fervojoj ĉefe aperas nur neproduktivaj laboroj, ja la transportado de produktoj en si mem signifas plialtigon de la kromelspezoj en la produkta proceso. Tamen en la konservo- kaj konstruo-fakoj, kiel ekzemple linikonstruaj, lokomotiv- kaj vagonripara fakoj, estas eble trovi produktivajn laborojn. Tie do estas la laboro salajrata laŭ akordtarifoj; tie do estas decida por la alto de rekompenco la kvanto de liverita laboro kaj ties kvalito. Ĉiuj aliaj laboroj estas neproduktivaj, do ankaŭ la laboroj senpere ligitaj ĉe la trafiko, ekzemple manovrado, forkpriservado, trajnakompano, trajnekspedado, linigardado, ĉiuj administraj laboroj, ja eĉ la gvidlaboroj iugrade.
Ĉe tiuj ĉi laboroj nun validas t.n. baza salajro, kiu estas limigita de iu ĝis iu kvoto, kaj kromenspezoj de laboruloj, la t.n. premioj.
La premio estas starigita kiel certa procento de la baza salajro kaj ĝi dependas ĉefe de la plenumgrado de laŭplanaj laboroj, aŭ ni diru, laŭ la plenumado de la taskoj. Tamen decida estas ne nur la procento de la plenumado, sed ankaŭ la kvalito de la liverita laboro.
Ekzemple ne sufiĉas, ke oni plenumis la tasklaborojn ekz. ĉe manovrado je pli ol 100%, sed estas necese eviti ĉiujn ĝenojn, akcidentojn (elreliĝo, difekto de vagonoj kaj trakoj, flankenŝoviĝo de la ŝarĝo pro troa puŝo). Same ĉe trajnekspedado malaltiĝe por premioj influas malfruiĝoj de trajnoj, malĝusta kaj kontraŭinstrukcia agado k.t.p.
La alto de premioj estas kompreneble plej favora por laboroj senpere trafikaj, ekz. manovrado, lokomotiv- kaj trajn-gvidado k.s. Plej malaltaj estas taksataj administraj laboroj, do ĉe tiuj la premioj estas aŭ entute neniuj, aŭ nur malaltaj. Respektante la devizon pri respondeco de nur unu persono, la ĉefoj de ĉiuj laborejoj havas relative al la administruloj plej grandan premion. Do ĉiuj neproduktivaj laboroj, ĉu eksteraj, ĉu administraj, estas klasifikitaj, kaj la baza salajro estas fiksita laŭ la funkcio, kiun tiu, kiu ĵustempe plenumas.
Tute ne decida estas la daŭro de la okupo ĉe la fervojo. Oni pritraktas nur la laborkapablecon en tiu funkcio. Krome por ĉiu funkcio estas fiksita certas instruiteco kaj lernejgrado. Se iu sen la fiksita lernejgrado tamen okupas lokon aŭ funkcion, oni plimalaltigas lian salajron bazan je ioma procento. Estas do evidente, ke la salajrosistemo ebligas atingi al ĉiu diligentulo kaj klopodemulo eĉ plej eminentan funkcion. Kontraŭe ĉiu, kiu eĉ multjare okupis lokon respondecan, se lia laborkapableco malpliiĝas, aŭ li malĝuste aŭ nekomplete plenumas siajn taskojn, povas esti translokita al malpli-salajrata loko.
Tio kompreneble povas okazi ofte dum maljuniĝo aŭ pro malsano.
Krom la premioj ekzistas ankaŭ t.n. socialaj alpagoj, nome alpago porinfana, kiu estas laŭ nombro de infanoj progresiva, do ne egala por ĉiu infanunuo en la familio. Plue rekompencoj por deĵorvojaĝoj.
La socialaj tendencoj speguliĝas ankaŭ en la impostsistemo (diferenco inter fraŭloj kaj edzoj, nombro da infanoj k.s.)

Por pensio estas decida la baza salajro, kiun enspezis la pensiumoto dum la lastaj 2-5 jaroj, kaj li ricavas certan procenton de tiu ĉi baza salajro. Por la procenttakso estas decida ne sole la daŭro de la okupo ĉe la fervojo, sed ankaŭ aliaj vidpunktoj.

# FERVOJOJ EN ĈINUJO

La konstruado de fervojoj en Ĉinujo estis komencita relative malfrue, ĉar la tiama ĉina registaro pro relegiaj antaŭjuĝoj kaj konservativismo longtempe malaprobadis koncesiojn por konstruado de fervojoj al fremdlandaj kompanioj, kiuj aspiris ilin.
Ja kelkajn jam finkonstruitajn fervojliniojn la registraro ree malkonstruigis (ekz la 17 km longan linion de Shanghai al haveno Vu-sung, aŭ la 2 km longan linion en la ĉirkaŭaĵo de Peking).
Nur en la okdekaj jaroj de la pasinta jarcento la konata vicreĝo Li-Hung-Ĉang (1823 - 1901) prenis pli progreseman vidpunkton al la konstruado de fervojoj. La fervojoj en ĉinujo komencas poste evoluiĝi tiel ke antaŭ la dua mondmilito kaj la invado de la Japanoj la ĉina fervojreto mezuris jam 20.000 km.

Plej gravaj urboj de Ĉinujo, kiel Nanking, Shanghai, Kanton, Hankaŭ Mukden, Charbin k.a. estas ligitaj al la ĉefurbo Peking per fervojoj. La militokazaĵoj dum la dua mondmilito kaŭzis malatenton al ĉinaj fervojoj, kaj kiam la ĉina popolo post penaj bataloj akiris la regadon, estis antaŭ ĉio necese igi la fervojojn en tiun staton, kiu korespondus al sekureco de trafiko kaj al la ĉiam pligrandiĝantaj postuloj de la fervojekspluato.

Dum la unuaj jaroj de la popolregistaro oni uzis grandan amason da materialoj por riparo kaj pliperfektigo de la fervoja superaĵo kaj balasto. Baldaŭ oni komencis a kaŭ la konstruon de duaj linitrákoj. Estis rekonstruitaj 1.350 km da unutrakaj linioj al dutrakaj.
Estis ankaŭ pretigita liglinio al Vietnamaj fervojoj. Samtempe kun la plej necesaj kompletigaj kaj pliperfektigaj laboroj estis ellaborita por la ĉinaj fervojoj grandskala plano de plua konstruado.

El la novaj fervojaj konstruaĵoj estas menciinda ĉefe la linio Ĉengtu - Ĉunking, kiu en longo de 500 km trapasas montar-terenon, kie troviĝas 40 tuneloj kaj 470 pontoj. Spite ĉiujn malfacilaĵojn tiu ĉi linio estis pretigita dum 2 jaroj, dank'al helpo de sovetaj inĝenieroj kaj fakuloj, kaj dank'al la kunhelpo de la ĉina junularo.
La linio estis inaŭgurata la 1an de junio 1952.

Okcidentdirekten al Tibeto daŭras la konstruado de la linio Tienŝiu - Lanĉou, kiu malfermas la ĉinan provinson Kansu, la troviĝejo de kupro, fero, petrolo, salo kaj aliaj naturriĉaĵoj. Tiu ĉi fervojlinio komence sekvas la superan fluparton de la rivero Hoangho; ĝi trapasas ankaŭ montaran pejzaĝon kaj venke luktas kontraŭ grandaj termalfacilaĵoj. La provizado de laboruluj per konstrumaterialoj kaj nutraĵoj ankaŭ ne estas facila tasko en tiuj regionoj, kie pro manko de konvena akvo tiu devas esti altransportata eĉ per lokomotivoj.

La rapida konstruado de la ĉina fervojreto tamen estas kondiĉo por ekspluati la grandegajn naturriĉaĵojn kaj por la industriigo de la lando. La rapida kreskо de ĉina ekonomio, kiu funde aliigos-la aspekton de la tuta mondo, estas - se ni pritaksas la talenton kaj laboremon de la multnombra ĉina popolo - nur demando de la malproksima estonto.

(Artikolo de P.K. en Železniční Teknika, n-ro 1/1955, trad. -eto).

## FERIOSEMAJNO EN NEDERLANDO (8 - 15 SEPT. 1956)

Aldone al la publikigo pri la feriosemajno en la antaŭa numero de BULTENO, ĉi sube sekvas la programo:

*Sabaton la 8an de septembro.*
Alveno de la partoprenantoj. ( kiuj antaŭe anoncis sian alvenon, ni gvidas al la ferichejmo).

*Dimanĉon la 9an de septembro.*
Alveno de postvenantaj partoprenantoj. Post la tagmanĝo esplora promenado tra la arbaro.

*Lundon la 10an de septembro.*
Per aŭtobuso al Giethoorn (Nederlanda Venecio). Returne tra Meppel kaj Staphorst (folklora vilaĝo).

*Mardon la 11an de septembro.*
Per aŭtobuso al Arnhem; vizito al la Plenaera Muzeo (Malnovaj domoj, mueliloj, vestaĵoj, ktp).

*Merkredon la 12an de septembro.*
Ekskurso al la konstruota Sud-Orienta Poldero per aŭtobuso, boato, aŭtobuso. Vizito al Elburg (fiŝkaptista urbeto).

*Ĵaŭdon la 13an de septembro.*
Ekskurso al la jam preta Nord-Orienta Poldero. Poldera muzeo, la iama insulo Urk, kluzoj, kaj la nova urbo Emmeloord.

*Vendredon la 14an de septembro.*
Vizito al Zwolle (semajna foirtago).

*Sabaton la 15an de septembro.*
Ekskurso al Amsterdam; per boato tra la graĥtoj, poste al insulo Marken kaj Volendam.

Fino de la feriosemajno.

Informojn, se necese, petu al: W.Gelderman, Willem Barentszstraat 70, Zwolle, Nederlando.

## DEZIRAS KORESPONDI:

kolego Bruno Gerhardt, Kaiserstrasse 98, Homburg, Saarlando, pri interŝanĝo de poŝtmarkoj, kun kolegoj en Anglio, Nederlando, Francio, Luksemburgo, Danio, Svedio, Finlando, Norvegio, Belgio, Liĥtenstein, Italio, Hispanio, Portugalio, Monaco, Jugoslasio, Belgio.

## OFICIALAJ INFORMOJ DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

(N-ro 22- Marto 1956)

## DEKLARO DE LA AKADEMIO PRI ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO

La Akademio de Esperanto.

Kontrolinte la vortaron aperintan en 1955 en Meksiko sub la titolo *Ilustrita Vortaro de Esperanto, Unua volumo* kaj sub nomo de Francisko Azorin;

Konstatinte, ke la aŭtoro.

1. arbitre enkondukis formojn novajn kaj senprecedencajn por anstataŭigi multajn radikojn de la Fundamento kaj de la Oficialaj Aldonoj;

2. donis al kelkaj fundamentaj radikoj novajn kaj konfuzajn, neniam aprobitajn signifojn;

3. distranĉis memstarajn fundamentajn aŭ oficialajn radikojn en radikerojn kaj afiksojn, kiujn li mem elforĝis aŭ provizis per ĝis nun nekonataj sencoj.

Deklaras, ke tiu vortaro atencas al la netuŝebla fundamento de la lingvo kaj al la tradicio registrita en la Oficialaj Aldonoj, sekve ke ĝi ne prezentas la veran staton de Esperanto;

Avertas la Esperantistojn, ke tiu vortaro povus nur semi konfuzon kaj malordon en la uzado kaj tiel grave malutili al la unueco de la lingvo;

Atentigas anticipe, ke la kritikaj konkludoj, kiujn kelkaj personoj eble faros pri Esperanto surbaze de tiu vortaro, estos senvaloraj, ĉar ili neniel koncernas la veran Esperantan lingvon.

Ir. J. R. G. Isbrucker
Prezidanto.

## ESPERANTO ANTAU LA EUROPA KONSILANTARO

La 21an de aprilo la Komitato por Kulturaj kaj Sciencaj Demandoj pritraktis la rekomendproponon pri la eksperimenta instruado de Esperanto kaj la petskribon de UEA pri konsultaj aranĝoj.
Post vigla debato la voĉdono estis sen findecida rezulto pro egalnombro de la voĉoj por kaj kontraŭ.
Tial oni prokrastis ambaŭ aferojn ĝis la venonta sesio dum oktobro ĉijare.

***

Okaze de la UEA kongreso oni aranĝas ekspozicion en Kopenhago de la 1-a ĝis la 14a de aŭgusto.
Por ke la ekspozicio estu kiel eble plej kompleta, oni petas sendi tuj ĉion gravan, (librojn, revuojn k.s.)kio aperis en aŭ pri Esperanto post aŭgusto 1954. Bonvolu sendi al S-ro Eskil Svane, Viggo Rothesvej 40 Charlottenlund, Kopenhago, Danlando.